## Pri la lingva nivelo de IF

Ankaŭ IF 1997.6 enhavas lingvajn malĝustaĵojn. Kompreneble! Ĉar la aŭtoroj de la artikoloj devenas de diversaj lingvaj teritorioj, kaj ne ĉiuj profundiĝis en la terminaron, eble ne havis la eblecon. Do, naciismoj ankoraŭ troviĝas, kaj al la redakcio ne eblas ĉion deĉifri.

Feliĉe troviĝas helpantoj, kaj ili estu ĉi tie kore dankataj!

IF 1997.6, paĝo 89, 1a kolumno, 13a-12a lasta linio enhavas la esprimon **movebla kompozicio**. Evidente ne temas pri muziko, sed supozeble pri **trakveturilaro** (FT 5493), kio estas trakciiloj kaj vagonoj.

Sama artikolo 2a kolumno 6a linio: **rezervpecoj** ja ne estas erara, sed en FT 6267 estas elektita **anstataŭaj pecoj**.

IF 1997.6, paĝo 94, la artikolo pri Trajnvojaĝo en 1840, 2a lasta linio mencias la vorton **vaporvagonoj**, dum la signifo kompreneble estas **vaportrajnoj**. Nu, ĝi estas rekta traduko de la esprimo, kiun uzis la fabelisto. Li kutimis vojaĝi per diliĝenco, kaj la unuaj fervojvagonoj iom similis al diliĝencoj, tirataj ne de ĉevaloj, sed de vapormaŝina vagonaro – do, dekomence la pasaĝeroj ne veturis per trajno, sed per 'vaporvagonoj'!

En la artikolo pri 'Atesto por envagoniĝo' (IF 1997.6 paĝoj 94+95) la trajno 'kuris' tri tagojn. Kvankam en pluraj lingvoj trajno povas kuri, en Esperanto ĝi veturas, aŭ eble cirkulas (kvankam cirkulo antaŭkondiĉas reiron al la elirpunkto).

Fine sur paĝo 96 de IF 1997.6 la lokomotivveterano Jakob supozeble ne konstru**iĝis** kaj poste sav**iĝis**, sed estis konstru**ita** kaj poste estis sav**ita**!

Pro ĉiuj komentoj dankas i.a.

eho

## Kunveno kun ĉinaj fervojistoj



Dum privata ferio en Ĉinio IFEF-kasisto kaj -redaktoro kunvenis kun estraranoj de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, prezidanto Li Sen, vicprezidanto Han Zuwu kaj sekretario Zhang Dali. La ĉinaj kolegoj detale raportis pri la aktivecoj de la asocio, kaj la vigla kaj agema Li Sen, kiu vojaĝis 700 kilometrojn por la renkontiĝo, transdonis plurajn fakajn kaj organizajn dokumentojn. La ĉinaj kolegoj multe demandis pri la fervojoj kaj pri la situacio de Esperanto en aliaj landoj. Ni klopodis laŭ niaj kapabloj respondi ĉiujn demandojn. Ni menciu ankaŭ, ke prezidanto Li Sen donis al ni valorajn memoraĵojn pri nia vizito. Ĉiuj estas tre gastamaj kaj fine invitis nin al tagmanĝo en la kantino de la domo de El Popola Ĉinio. Inter la partoprenantoj estis ankaŭ juna membro, kiu intencas partopreni la 50an IFEF-kongreson en Aalborg, li liveris aliĝilon kaj pagis la kongresan kotizon. Krome li kunportis personajn donacojn al ni ambaŭ.

Kompreneble estis tre granda travivaĵo viziti Ĉinion kun sia kulturo, kiu estas tre alispeca ol tiuj, kiujn ni ĝis nun spertis, sed niaj travivaĵoj estis multe pli grandaj kaj specialaj ol tiuj de la aliaj kunvojaĝantoj, ĉar ili vidis nur tion, kion montris al ni la gvidantoj de la vojaĝkompanio, sed ni vidis kaj aŭdis multe pli pere de niaj ĉinaj esperantistaj kolegoj. Ni tre kore dankas pro la renkontiĝo.

**Frontpaĝo:** La IFEF-kasisto kaj -redaktoro renkontiĝis kun ĉinaj fervojistaj esperantistoj (vidu supre). Antaŭ la domo de El Popola Ĉinio vi vidas s-rojn Han Zuwu, Li Sen, Henning Hauge, Zhu Minghe, la IFEF-redaktoron, s-rojn Liu Caisheng kaj Zhang Dali.

# Enhavo




# 50a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

**16a-22a de majo 1998 en Aalborg, Danio**

Adreso: 50a IFEF-Kongreso
Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev

Pagojn bv sendi pere de via loka ĝirosistemo aŭ pere de "SWIFT"-kodo **BIKU DK KK** rekte al Bikuben Girobank A/S, DK-0800 Høje Taastrup, kredite je nia konto 1-659-1165

## LKK-komuniko n-ro 4 pri 50a IFK

**Kotizoj**

Ek de la 1a de februaro validas jenaj kongres-kotizoj:

| | |
|---|---|
| IFEF-membro | 480 DKK |
| Familiano kaj junulo ĝis 20j | 240 DKK |
| Ne-IFEF-membro | 580 DKK |
| Simpatianto | 100 DKK |
| Ĉambroperado por unu lito | 20 DKK |

La ceterajn prezojn ni jene ripetas:

| | |
|---|---|
| Duontaga ekskurso lunde (Voergaard kaj Lindholm Høje) | 100 DKK |
| Tuttage ekskurso ĵaŭde (Skagen kaj norda pinto de Jutlando) | 200 DKK |
| Komuna festa manĝado dimanĉe | 180 DKK |
| Bankelspezoj | 30 DKK |

Pri pagmanieroj nepre relegu IF 1997.6, ĉar la indikoj en la aliĝilo ŝajne ne sufiĉas en ĉiuj landoj, eĉ eble ne ĉie, kie ekzistas poŝta ĝirosistemo. LKK pardonpetas pro nesufiĉa informado, sed ĝi ŝuldiĝas al la banka (mis)informo al ni.

Aliĝilojn petu ĉe via landa asocio aŭ rekte ĉe LKK.

Tranoktkostoj por unu persono dum unu nokto varias en unulita ĉambro inter 698 kaj 360 DKK, en dulita ĉambro inter 375 kaj 260 DKK. En migrula hejmo (junulargastejo) en kvarlita ĉambro kaj sen matenmanĝo: 110 DKK. – Se vi kalkulas 4 DKK iom pli ol 1 DEM, vi havas ideon pri la nivelo.

Bonvenon en Aalborg.

LKK

# Ret-adresoj de IFEF-anoj

Iom post iom ankaŭ IFEF-membroj uzas elektronikan poŝton. Jen ni publikigos tiujn, kiujn la redakcio konas:

| | |
|---|---|
| IFEF-sekretario Romano Bolognesi: | <lov0354@iperbole.bologna.it |
| IFEF-kasisto kaj redaktoro: | hauge.esp@get2net.dk |
| Ĉefkomitatano Jean Ripoche: | Jean.Ripoche@wanadoo.fr |
| Vicprezidanto de Ĉeĥa Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio Ladislav Lani: | Lani sdc.jhl.cdrail.cz |

La redakcio intencas de tempo al tempo publikigi liston de retadresoj, kaj pro tio petas pri informo de novaj.

# UIC estas 75jara

### Kune konstruadi la fervojon de la 21a jarcento

*Stig Larsson Prezidanto de UIC[1])*

Kiam ili decidis krei UIC en la jaro 1922, la ŝtatoj jam konvinkiĝis pri la potenca kontribuado, kiun kapablas alporti la fervojadministracioj al la disvolviĝo ekonomia kaj sociala de la nacioj laŭ kondiĉo certigi sian internacian inklinon kaj proponi transportservojn altkvalitajn traveturantaj facile la landlimojn.

UIC – pro konsentita mandato por realigi ĉiajn internaciajn fervojtrafikojn per reloj – fariĝis la valoratesto por ĉiuj konverĝaj transportentreprenoj. Dum 75 jaroj la altrangaj entreprenistoj – inĝenieroj kaj personaro por la praktika efiko – lernis kunlabori, unuigi la procedurojn, difini la komunajn komuniklingvojn, tiel certigante la karakteron absolute internacian de la transporto per relo.

Tiel estis kreitaj la bazoj de transportsistemo interkoneksata kaj vaste funkcikapabla – ĉu pri la teknikaj normoj pri la trakoj kaj trakveturilaro, ĉu pri la ekspluatadaj proceduroj – kapabla priservi tutajn kontinentojn sen grava servorompo ĉe la landlimoj, krom malmultaj misharmonioj.

Nun en 1997 jam aperis novaj defioj, kiuj koncernas la tuton de la ekonomikaj aktivecoj – ne nur la fervojaj: defioj de la liberigado de la merkato kaj konkurenco, de la ekonomia rigoreco, de la ĉirkaŭo, de la tutmondigo. En ĉi tiu kunteksto kaj koste de adaptiĝoj – foje malfacile realigeblaj – la tutmondaj fervojoj grande transformis siajn organizmetodojn por adaptiĝi pli taŭge ol iam al nepraj necesoj de la merkato kaj kolektivo. Ankaŭ ili konscias pri la enormaj atutoj de la fervoja transporto kiaj estas la rapideco, sekureco, energia efiko kaj respekto al la ĉirkaŭo. Ili estas decidemaj al plena tasko por plifirmigi tiujn avantaĝojn.

En la nuna periodo al ŝanĝo kaj novigado nepras pli ol iam certigi la tutan koherecon de la fervoja sistemo kaj pliampleksigi ties internacian karakteron, ĉefa kondiĉo por ties disvolviĝo fronte al konkurenco.

La profunda reorganizo, kiu trafis UIC dum la 90aj jaroj celis plibonigi la efikon de la kunagadaj strukturoj kaj starigi novajn prioritatojn al internacia agado kun konsidero de la antaŭvideblaj evoluoj de la merkato kaj socio. El tiuj antaŭvidoj ambicia agadplano estis starigita por direkti la venontan oferton fervojan.

Alia defio konsiderinda al UIC estas la tutmondigo. 51 entreprenoj el 29 landoj en la jaro 1922, 119 entreprenoj el 82 landoj en la jaro 1997: la komparo sufiĉe demonstras la novan respondecon rezervitan al UIC por favorigi la interŝanĝon pri sperto kaj kompetenteco rilate al tutmondo pri teknologio, esplorado, administrado kaj ĉiuj fakoj ĉefaj al la estonteco de la entreprenoj.

Pere de la tuto de tiuj agoj kaj la disvolviĝo de sinergioj pli kaj pli produktivaj, kun la koncernaj kunagantoj, UIC celas kontribui al la starigo de la fervojo "kiel transportrimedo de la 21a jarcento", laŭ la antaŭdiro de Louis Armand[2]).

[1]) UIC = Union Internationale des Chemins de fer = Internacia Fervojunio.
[2]) Louis Armand (1905-1971) franca inĝeniero. Prezidinto de SNCF. Akademiano.

Tiu artikolo aperis kiel frontartikolo en la revuo 'Revue Générale des chemins de fer' (Ĝenerala revuo de la fervojoj) de septembro 1997 en germana, franca kaj angla lingvoj.

Tradukis el la franca Georges Mazaud

# Kongrespropono (estrarelekto)

Komitatano Jean Ripoche en sia funkcio kiel ĉefkomitatano memorigas, ke la jaro 1998 estas elektojaro por la IFEF-estraro.

Konforme al la statuto la ĉefkomitatano antaŭ la 31a de aŭgusto 1997 ricevis demisiojn de:

| | |
|---|---|
| - la prezidanto | Per ENGEN |
| - la sekretario | Romano BOLOGNESI |
| - la redaktoro | Erna HAUGE |

Antaŭ la 31a de decembro 1997 pere de la koncernaj landaj asocioj la ĉefkomitatano ricevis kandidatiĝojn de :

- Romano BOLOGNESI kiel prezidanton
- Ernst QUIETENSKY kiel sekretarion
- Jean RIPOCHE kiel redaktoron.

Neniu alia demisio/kandidatiĝo atingis la ĉefkomitatanon. Pro tio li proponas:

reelekti jenajn ĝisnunajn estraranojn:

- István GULYÁS (vicprezidanto)
- Henning HAUGE (kasisto)

elekti :

- Romano BOLOGNESI kiel prezidanton
- Ernst QUIETENSKY kiel sekretarion
- Jean RIPOCHE kiel redaktoron

# Prezento de la kandidatoj

**Pri la posteno de prezidanto**

Doktoro Romano BOLOGNESI estas tre konata sine de IFEF, sed tamen ni devas rememori liajn ĉefajn meritojn.



Doktoro Romano BOLOGNESI naskiĝis la 22an de marto 1941 en Bologna (Italio). Li ekdeĵoris ĉe FS (Italaj Ŝtataj Fervojoj) 1962, kie li okupis diversajn postenojn en diverstipaj fakoj (granda veturilriparejo, granda varstacio, malgranda stacio (kiel ruĝĉapulo), oficejo pri staciplanoj kaj trafikregularoj, sekretariejo de distriktdirektoro, oficejo pri leĝaj aferoj, personara administradestrejo) ĝis 1990. Li estas doktoro pri sociologio. Li ricevis distingon per "Honorigo je la merito de Itala Respubliko - Kavaliro".

Li esperantistiĝis en 1957 kaj membriĝis kiel fervora samideano. Li estis prezidanto de la urba E-grupo kaj nacia konsilanto ĉe IEF (Itala E-federacio). Multajn jarojn li respondecas pri

la fervojista E-grupo ĉe DLF (sociala porfervojista servo) en Bologna, ankaŭ sidejo de IFEA (Itala Fervojista E-Asocio), kies nacia sekretario li estas ekde 1984, kaj en kiu li multe agas en la redaktora kaj propaganda laboroj. Li prilaboras la IFEA-jarraporton por IFEF. Li estas UEA-VD kaj FD (fervojo; sociologio; interlingvistiko) en Bologna. Dum 20 jaroj li regule organizas kaj regas kursojn kaj ekzamenojn ĉiugradajn. Li estras la lokan katedron de IIE (Itala Instituto de E-o), kies estrarano li estas.

Diverstipaj kunvenoj, manifestacioj, prelegoj estas organizitaj de li pri kaj por E-o kaj pri la lingvoj en la mondo.

Li seninterrompe partoprenis en ĉiuj IFK ekde la 30a Roma (1978). Li iĝis IFEF-sekretario en la IFK Salou (1989). Li estis LKK-prezidanto de la 45a IFK Cervia (1993). Li gvidas la IFK-programeron "Forumo pri Movadaj Aferoj" de 1986.

**Pri la posteno de sekretario**



Sinjoro Ernst QUIETENSKY naskiĝis en 1949. Li laboras ĉe ÖBB kiel doganagento.

Dum multaj jaroj li estas membro de Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio kaj sperta esperantisto. En IFEF li antaŭ kelkaj jaroj plenumis la funkcion de komitatano por junularaj aferoj. Jam por du IFEF-kongresoj li kunlaboris kiel funkciulo (1975 Villach kaj 1994 Krems/Donau). En AFEF li estas estro de la ĉefsekcio Vieno jam de multaj jaroj. Li kunlaboras ankaŭ en la AFEF-estraro.

**Pri la posteno de redaktoro**



Sinjoro Jean RIPOCHE naskiĝis en la jaro 1940. Li sinsekve laboris ĉe SNCF kiel lokomotivestro linia, kiel ĉefo de trakciil-kondukistoj kaj finis sian deĵoron kiel lokomotivejestro en la pariza regiono.

Li esperantistiĝis en 1980. Li plenigas la taskon de loka grupresponsulo en Le Mans, de prezidanto de FFEA ekde 1996 kaj de IFEF-ĉefkomitatano ekde lasta majo. Depost 1982, li partoprenis ĉiujn IFEF Kongresojn (krom en Olomouc en 1991), kaj ĉiujn naciajn francajn kongresojn.

Li estas UEA - D en Le Mans.

# Gratulon

La 26an de februaro 1998 s-ro Willem van Leeuwen povos festi sian 80jariĝon.

Li estis dum la jaroj 1972-1980 vicprezidanto de IFEF, kaj pro liaj grandaj meritoj li estis en 1980 nomumita Honora Membro de IFEF.

Lia laboro por FERN kaj IFEF ankoraŭ daŭras. Dum la 48a IFK en Nederlando en 1996 li grave helpis al LKK, kaj la redakcio de Internacia Fervojisto estas tre dankema pro liaj interesaj fakaj kontribuaĵoj, kiuj venas de liaj manoj de tempo al tempo.

Koran gratulon, Wim!

## Adresŝanĝo

Inĝ. L. Sekereŝ translokiĝis kaj lia nova adreso estas:
Inĝ. L. Sekereŝ, ul. Stevana Sremca 10/6, YU-24400 SENTA, Jugoslavio.

# Honoritoj

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco aŭ FISAIC per medalo, ni priskribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiam ĉiujn. Tial ni jen publikigas liston de nun vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj, honoritoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora Patrona Komitato de IFEF:

| **Honora prezidanto** | | **jaro** |
|---|---|---|
| Giessner, Joachim | FR Germanio | 1990 |

| **Honoraj membroj** | | |
|---|---|---|
| Gimelli, Germano | Italio | 1977 |
| Kruse, Elfriede | FR Germanio | 1980 |
| van Leeuwen, Willem | Nederlando | 1980 |
| Engen, Per | Norvegio | 1988 |
| Babička, Jaromir | Ĉeĥoslovakio (nun Ĉeĥio) | 1991 |
| Olsen, Henning | Danio | 1995 |
| Barnickel, Wilhelm | Germanio | 1996 |
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1997 |
| Sredić, Gvozden | Jugoslavio | 1997 |

| **Honoritoj per FISAIC-medalo** | | **medalspeco** | |
|---|---|---|---|
| Geroldinger, Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Hunkeler, Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| Giessner, Joachim | FR Germanio | ora | 1970 |
| Kruse, Elfriede | FR Germanio | ora | 1975 |
| Bengtsson, Harry | Svedio | bronza | 1976 |
| van Leeuwen, Willem | Nederlando | ora | 1979 |
| Sredić, Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig, Heinz Dieter | FR Germanio | ora | 1988 |
| Robiolle, Pierre | Francio | ora | 1994 |
| Hauge, Henning | Danio | ora | 1996 |

**Honora Patrona Komitato de IFEF**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1970 | I.A.Pahin | Francio | Prezidanto de UAICF |
| | Ceci, Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviario, Bologna |
| 1972 | D-ro inĝ. Azzi, Giordano | Italio | Honora Membro de UEA, prezidanto de Itala Esp.-Federacio |
| 1977 | D-rino Boulton, Marjorie | Britio | Universitato Oxford |
| 1987 | Inĝ. Rodak, Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de fervoja direkcio Katowice |



# Muŝokula reflektoro

Sur la linioj de MÁV oni ekfunkciigis novtipajn reflektorojn ĉe la aŭtomataj lumbarieroj. Ĉi tipa reflektoro estas t.n. 'muŝokula reflektoro', konstruita el multe da lumemisiantaj diodoj (LED), hungara nomo LSZR. Elektebla funkcia tesino 3V-300V kun ŝtupoj de po 0,5V. Ĝia kurenta konsumado estas nur duona-triona de simile lumforta, kolorfiltrila ampolô. Per la reflektoro oni povas signali piktogramojn, ekz. "!"-signon. Optimale kvin piktogramoj eluzeblas en unu reflektoro. Nuntempe oni produktas nur ruĝajn kaj flavajn kolorojn. La reflektoroj estas moduleblaj ĝis 4-5 MHz. Tiel poveblas sendi ĉifritajn informojn. Eĉ se oni metas infradiodojn inter la koloritaj diodoj, samtempe sed sendepende unu de la alia, ambaŭ partoj povas funkcii: la videbla reflektoro kaj la ne videbla informsendo. La lumforto estas variebla en larĝa skalo, sen ke la koloro ŝanĝiĝas. La koloro de reflektoro estas saturita helpe de subjektiva senso. Tiel ankaŭ al daltonismaj homoj eblas konstati la ĝustan koloron. La luma disĵetado estas pli bona ol la tradiciaj reflektoroj pro la multo de elementaj lumfontoj. Tiel la observantoj povas vidi pli bone de la flankdirektoj. La ekŝaltila tempo estas malpli ol 1 mikrosekundo. Ankaŭ malpli estas la povumo perdata. La muŝokula reflektoro havas sensoron por difektado. La reflektoro ne produktas t.n. fantom-lumon, kiel faras la ampolaj reflektoroj pro siaj enaj speguloj kune kun eksteraj lumoj. Fine, sed ne lastvice, la plej grava karakterizo estas la forta lumradiaro, bone perceptebla ankaŭ en forta sunradio.

KRISTÁLY Tibor

**Muŝokula reflektoro**

baztipo LED 150/50

| **Diametro nominala de muntingo** | **40 mm** | **150 mm** | **200 mm** |
|---|---|---|---|
| Diametro de flanĝo alĝustiga | 65 mm | 165-170 mm | 210-220 mm |
| Plej granda povumo nominala pm. | 1,2 W | 17 W | 34 W |
| Lumforto | 25-60 kandeloj | 120-220 kandeloj | 150-400 kandeloj |
| Koloroj | ruĝa, flava | ruĝa, flava | ruĝa, flava |
| Ŝarĝebleco de kondukilo kontrola | ne havas | maks. 3,5 A | maks. 3,5 A |






Kurento funkcia (I) laŭ la temperatura ŝanĝo

| | | | |
|---|---|---|---|
| ekz. | - 10°C | I = 1,220 A | U = 10 V |
| | + 24°C | I = 1,242 A | |
| | + 60°C | I = 1,272 A | |

La ŝanĝo estas maks. 52 mA, 5%
Konstatite ne grava.

Eltenado de plusŝarĝkurento sen difektigo.

| | | |
|---|---|---|
| Dekobla I | (pm. je 220% U) | 0,1 sek |
| Kvinobla I | (pm. je 180% U) | 1,0 sek |
| Unu kaj duona I | (pm. je 130% U) | flue |

# La papo parolis en Esperanto

Kun la devizo "Iru do kaj disciplig̃u ĉiujn naciojn" (Mat. 28,19) okazis en la tagoj 31.8 ĝis 7.9.1997 en la italaj urboj Romo kaj Rimini grava okazaĵo en la historio de IKUE – 50a Kongreso de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. La kongreson partoprenis 300 partoprenantoj el 23 landoj, inter ili kelkaj fervojistoj, samtempe membroj de IKUE kaj IFEF.

Post alveno per trajno al stacio Roma Termini kaj poste al Sassone apud Romo ni estis loĝigitaj nur 300 m de la fervoja haltejo Sassone en bela kaj tute senbrua loĝkomplekso ĉe fratuloj Karmelanoj, kie okazis la unua parto de la kongreso.

Dum tri intensaj tagoj ni kune pilgrimis en Romo kaj Vatikano en la lokoj de la Apostoloj, kvazaŭ por reveni al la fonto de Kristanismo, por tie refreŝiĝi kaj ĉerpi spiritan forton por nia kristana engaĝiĝo. Ĉiutage matene oni forveturis per kongresaj busoj al Vatikano kaj Romo, kie ni vizitis Placon de Sankta Petro, la faman Bazilikon Sankta Petro, Sanktajn Vatikanajn Grotojn kaj multajn historiajn vidindaĵojn de la antikva Romo. La solena inaŭguro de la kongreso okazis en salono "Promoteca" sur la monteto Kapitolo kun partopreno de gravaj reprezentantoj de la eklezia kaj publika vivo.

Ni fervojistoj fariĝis tamen iomete malĝojaj, ke dum la vizito en Vatikano oni ne permesis al ni viziti vatikanan fervojan stacion, ĉar tien eblas alveni nur kun speciala permeso, kiun ni ne prizorgis.

Verŝajne plej impona por ĉiuj estis partopreni en ĝenerala merkreda aŭdienco de la papo Johano Paŭlo la 2a, dum kiu ni sidis meze en la unuaj vicoj. Dum tiu ne forgesebla travivaĵo la papo salutis la kongresanojn en Esperanto per jenaj vortoj:

"Mi ĝojas bonvenigi la responsulojn de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista engaĝitajn en sia kvindeka kongreso.

Karegaj, la temo de via renkonto reprenas la misian taskon konfiditan de Kristo al sia



De supro de la kupolo de la Baziliko Sankta Petro (132,50 m alta) oni povas vidi belan panoramon de la Vatikano kaj la tuta eterna urbo. En la fronto de la foto belegaj vatikanaj ĝardenoj, post ili meze konstruaĵo de la Vatikana Radio kun elsendoturo. Kiel oni scias, Radio Vatikano elsendas en Esperanto regule ĉiun dimanĉon kaj merkredon.

Eklezio. Akceptu ĝin malavare kun tiu spirito de universaleco, kiu estas ĉe la bazo de la lingvo, kiun vi kulturas."

Dum la aŭdienco kongresa delegacio donace transdonis al la papo speciale por li blanke binditan Meslibron en Esperanto. Post la aŭdienco ni reenbusiĝis por atingi Palacon Kvirinalo, kie ni ĉiuj estis aŭdience akceptataj de la itala prezidento Oscar Luigi Scalfaro, kiu parolante aprecis la valoron de Esperanto kaj promesis subteni ĝian disvastigon. Post la aŭdienco oni forveturis per kongresaj busoj al Rimini por partopreni la duan parton de la kongreso. Ni fervojistoj veturis per trajno kaj atingis Rimini pli frue ol la busoj.

Rimini estas antikva urbo kun riĉa historio, situante laŭlonge de la fame konata Eŭropa Strando 15 km longa. La urbo estas facile atingebla per marborda aŭtoŝoseo aŭ per fervojo. La nuntempa Rimini fariĝis ĉefurbo de monda feriado pro beleco de sia marbordo, klimata mildeco kaj sincera afableco de siaj loĝantoj.

Por ni la dua parto de la kongreso estis pli labora. Oni aŭskultis interesajn fakprelegojn, partoprenis ĝeneralan kunvenon de IKUE kaj

publikan ceremonion en salono *Espero*. Ĉiutage ni partoprenis sanktan meson en Esperanto, kaj restis tempo ankaŭ por ekskursoj kaj distro.

Ĵaŭde vespere ni partoprenis trihoran ŝipveturon laŭlonge de la lumigita marbordo, dum kiu ni estis regalitaj per rostitaj marfiŝoj kaj bongusta blanka vino, sabate vespere ni en Rimini en parko Briolini partoprenis Folkloran Vesperon, tipe de Regiono Romanja kun muziko, rostitaj fiŝoj kaj vino por ĉiuj.

Vendrede posttagmeze ni ekskursis per busoj al San Marino. Respubliko San Marino estas malnovega tero de libereco, kiu distancas 35 km de Rimini kaj estas atingebla praktike ĉiuhore per publikaj buslinioj. Ni vizitis parton de la urbo situanta sur la tripinta monto Titano, kie en la kvara jarcento post Kristo ŝtonhakisto Marino el insulo Arbe en Dalmatio fondis civiton, kiun li poste jam kiel diakono postlasis al siaj varbitoj, konvertiĝintaj al la vera kredo kiel heredaĵon. Tiel naskiĝis la tre malnova Respubliko San Marino. En 1463 papo Paŭlo la 2a donacis al la respubliko la komunumojn Serravalle, Fiorentino, Monte Giardino kaj vilaĝon Faetano, kiujn oni nomas nuntempe kune kun la ĉefurbo San Marino, la Kasteloj.

Ni post promeno komune vizitis kaj partoprenis solenan sesion en Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino, kreita en 1983 de la sanmarina registaro, kie oni post ekzamenaj disertaĵoj en Esperanto kaj en la etna lingvo de la aŭtoroj solene promociis ekzamenitojn. De tie ni iris al sidejo de la sanmarinaj Kapitanoj-Regantoj, kie oni akceptis delegacion de IKUE. Ne ĉiuj scias, ke la du Kapitanoj-Regantoj estas demokrate elektataj dufoje jare de la partioj por gvidi la Respublikon, kio pli certigas demokratecon de la Sendependa Respubliko de la Libereco. Poste ni estis akceptitaj en Baziliko de Sankta Marino de monsinjoro Paolo Rabitti, la episkopo de Pennabilli kaj San Marino, kaj kie poste estis celebrata solena sankta meso en Esperanto.

Sed ankaŭ sabata antaŭtagmeza vizito al pilgrimloko de Dipatrino de la Mizerikordo en Rimini, kie post sankta meso celebrata en Esperanto de la monsinjoro Giovanni Locatelli okazis renovigo de Sinkonsekro de IKUE al Senmakula Koro de Maria.

Dimanĉa antaŭtagmeza fermo de la kongreso en la Salono *Espero* kaj komuna sankta meso en paroĥa preĝejo de Sanktaj Johano kaj Paŭlo, prizorgata de la konata esperantista paroĥestro, pastro Duilio Magnani, post rekonstruo en 1994 probable la unua preĝejo en Eŭropo kun ĉiuj surskriboj ankaŭ en Esperanto, fariĝis digna punkto post la neforgesebla kongreso kun plenŝtopita programo, dum kiu oni tamen povis trovi liberajn horojn por memstaraj vizitoj, distro aŭ banado en plezure varma akvo ĉe la Eŭropa Strando de Rimini.

Jindřich Tomíšek

---

# Anonco

Estimataj samideanoj!

Mi informas vin el Hungario pri fondiĝo de Amikara Rondo Esperantista en la urbo Komárom la 15an de septembro 1997. Ni kunvenas ĉiun lundon je la 17a h en la urboparto Szőny. Ĉiuj estas bonvenaj. La membraro de Amikara Rondo plejparte estas komencantoj. Do, ni havas malmulton da esperantaĵoj por praktiki la lingvouzadon. Pro tio ni ĝuos kaj antaŭe dankas ĉiujn helpsendaĵojn, salutleterojn, ilustritajn poŝtkartojn ktp. El la tuta mondo.

Nia adreso:
Amikara Rondo Esperantista,
Petőfi Sándor u. 3,
HU-2921 Komárom-Szőny.

# Film- kaj Videokonkurso FISAIC en Brno (CZ)
## (ŝanco por Esperanto neeluzita – ĉu eluzota)

La 17a Film- kaj Videokonkurso FISAIC okazis inter la 18a kaj 21a de oktobro 1997 en Brno. Invitanto estis ĉeĥa sekcio de FISAIC ene de Ĉeĥaj Fervojoj, tamen la organizan flankon transprenis kongresa kaj kleriga entrepreno KAVA-PECH, kies posedanto mi estas.

Partoprenis la konkurson 72 filmoj el 8 landoj (AT, BE, CH, CZ, DE, FR, RO, SK), kiuj konkursis en ses kategorioj laŭtemaj. La nivelo de la konkurso estis alta kaj krom la projekciado kaj aliaj programeroj estis preparitaj por partoprenantoj kaj precipe por iliaj akompanantaj personoj riĉa kultura kaj turisma programoj.

Mi, kiel iniciantinto de membriĝo de ĈD al FISAIC, kiu sekve plenumis tri jarojn la funkcion de FISAIC-vicprezidanto, kaj nun posedanto de profesia kongresa entrepreno, havas bonan ŝancon, ke mi povas transprenadi organizan flankon de aranĝoj, kiujn akceptas ĉeĥa sekcio de FISAIC. Mi jam aranĝis la Film- kaj Videofestivalon en la jaro 1993 en Prago, nun la saman konkurson en Brno kaj por la jaro 1999 mi jam komencis prepari la FIRAC-kongreson (de radioamatoroj-fervojistoj), denove enkadre de FISAIC.

Nun permesu al mi klarigi, kial mi estas iom seniluziigita por flankenlaso de la ŝanco, je kiu mi esperis kaj kiu fakte ekzistis. Ĉiuj IFEF-anoj esperebIe konscias pri la fakto, ke ene de FISAIC estas oficialaj lingvoj la franca kaj la germana, tamen jam kelkajn jarojn prove ankaŭ Esperanto. Danke al niaj francaj samideanoj, precipe al la ĝenerala sekretario de FISAIC kaj mia persona amiko Georges Wallerand, ĉiuj dokumentoj kaj plejparto de korespondado en FISAIC okazas trilingve, do inkluzive Esperanton. Tio estas certe grava propaganda laboro, ĉar ĉiuj landaj asocioj de FISAIC kaj pere de ili multaj oficialaj ŝtataj fervojaj instancoj informiĝas ne nur pri ekzisto, sed ankaŭ pri la funkcikapablo de la internacia lingvo Esperanto. Tamen ekzistas ankaŭ danĝero, ĉar multaj, kiuj estas kontraŭ Esperanto, argumentas (ĝis nun bedaŭrinde prave), ke Esperanto estas superflua, ĉar ja kvankam oni havas ŝancon, neniu de fakaj FISAIC-aranĝoj vere uzas Esperanton, krom IFEF, kiu ja estas organizaĵo de esperantistoj. Kaj mi renkontis jam sufiĉe fortan deziron anstataŭigi Esperanton per la angla (kvankam Britio ne estas membro de FISAIC, oni argumentas ke precipe pro skandinaviaj landoj kaj ĝenerala fakta internacieco de la angla).

Mi do decidis doni ŝancon al Esperanto dum la aranĝo, pri kiu mi mem respondecis, nome la menciita konkurso. Kvankam mi bone konsciis, ke tio alportos multe da pliaj elspezoj por mia entrepreno, mi presis sufiĉe da varbiloj en Esperanto, promesis, ke eĉ se aliĝos nur unu esperantisto de iu lando, kies gepatra lingvo ne estas oficiala, mi prizorgos la tradukojn, interpretadon kaj ĉiujn materialojn inkluzive programon mi tradukos ankaŭ en Esperanton. Kaj mi ĝojis, kiam en Rumanio finfine venis la unua aliĝilo de tri filmoj, kiuj portis sian titolon en Esperanto. Mia ĝojo tamen ne daŭris longe, ĉar baldaŭ mi eksciis, ke nek la aŭtoro, nek lia akompananto, kiu venos, parolas Esperanton, sed ili povas iomete kompreniĝi en la franca kaj pli bone en la rusa. Do – kvankam mi dissendis la informojn en Esperanto al ĉiuj landaj asocioj de FISAIC (krom tiuj, kie la oficiala lingvo estas la franca aŭ germana) al multaj unuopuloj, pri kiuj mi opiniis, ke li aŭ ŝi povus koni iun filmiston, informis pere de IF, finfine partoprenis eĉ ne unu esperantisto la aranĝon.

Nun mi komencas prepari la FIRAC-kongreson aŭtune 1999, kiam en Pragon venos 150 - 200 radioamatoroj-fervojistoj. Mi volas doni la saman ŝancon al esperantistoj, kiujn mi donis al filmistoj.

Do – se vi mem estas radioamatoro aŭ vi scias pri iu radioamatoro-esperantisto kaj samtempe fervojisto, bv antaŭaliĝi jam nun, ke ni povu esti en kontakto jam dum la preparoj de la FIRAC-kongreso 1999 kun la celo krei tie se eble almenaŭ malgrandan grupeton da esperantistoj.

Petro Chrdle

# Niaj jarkunvenoj

## Jarkunveno de germanaj fervojistoj

Por la ĉijara kunveno (10.-12.10.1997) Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) estis elektinta la bavaran urbon Aschaffenburg. La inviton sekvis preskaŭ sesdek geamikoj de la Internacia Lingvo, inter ili gastoj el Belgio, Danio, Rumanio kaj Svislando. Ili transdonis salutojn de siaj landaj asocioj dum la festvespero en la hotelo *Feroca Viro*. Kontraste al sia nomo tiu hotelo evidentiĝis kiel agrabla kaj eleganta kongresejo. La abunda tagordo okupis GEFA-estraron kaj komisiitojn pri pasintaj aranĝoj kaj estontaj agadoj. La reprezentanto de la Fervoja Sociala Organizaĵo (BSW) certigis al GEFA financan kaj moralan subtenon, kvankam la nombro de la BSW-membroj konstante reduktiĝas inter la fervoja personaro.

La nefunkciuloj intertempe promenis tra la historia urbocentro kaj admiris la mezepokan bazilikon kun siaj artaĵoj kaj la klostron. Vere impona estas ankaŭ la giganta kvartura kastelo ĉe la Main-rivero. Aŭtobusoj kondukis al la romantika akvokastelo Mespelbrunn en la Spessart-montaro, ankoraŭ posedaĵo de nobela familio. Vespere stimulis plaĉa muziko al dancado ĝis noktmezo, dum dimanĉmatene vira ĥoro prezentis konatajn kantojn, parte en Esperanto. Ĉarmaj virinoj ludis instrumentojn apenaŭ konatajn. Diaprelego pri la regiono kaj videofilmo pri la venonta IFEF-kongresurbo apartenis same al la abunda semajnfina programo, je kies fino GEFA-prezidanto J. Giessner emociplene apelaciis al aktiva kunlaboro por certigi la pluekziston de la asocio.

La venontjara kunveno okazos en Linz am Rhein inter la 9a kaj 11a de oktobro 1998.

W. Barnickel

## Jarkonferenco de FS ĈEA

En la tagoj 28.-30.11.1997 okazis en Praha la 31a jarkonferenco de FS ĈEA kun partopreno de tridek membroj kaj dek eksterlandaj gastoj el Aŭstrio, Germanio, Pollando kaj Slovakio. IFEFon reprezentis ĝia honora prezidanto Joachim Giessner, ĈEAn ĝia vicprezidanto d-ro Petr Chrdle.

Vendrede antaŭtagmeze ni ekskursis al Teknika Muzeo en Praha, kie ni vizitis konstantan ekspozicion de trafika historio sur areo 1750 m$^2$. Tie oni ekspozicias historian kaj modernan survojan, fervojan kaj flugvojan teknikon. Interesa estis ankaŭ ekspozicio *Tempmezurado*, kiu prezentas evoluon de tempmezurada tekniko de pratempo ĝis la plej modernaj aparatoj kaj metodoj.

Posttagmezan laboran parton de la konferenco partoprenis kiel gasto ankaŭ la staciestro de Praha Ĉefa Stacio inĝ. Miroslav Marada, kiu interese informis pri la historio kaj nuntempo de fervoja trafiko en fervojnodo Praha, ties stacio Praha Ĉefa Stacio kaj ties 'Registara Salono', kie la konferenco okazis.

Plua programo plejparte koincidis kun la samtempe okazanta 5a konferenco de ĈEA. Sabate posttagmeze ni kun eksterlandaj gastoj grupe vizitis Pragan Kastelon kaj tie en Lobkovický palaco la okazantan interesan ekspozicion 'De Komenio ĝis Zamenhof', komune aranĝita de la Muzeo de Komenio en Přerov kaj Nacia Muzeo en Praha. La ekspozicio interese pritraktas evoluon de la internacia lingvo kaj diversaj planlingvoj de Komenio kaj aliaj pioniroj ĝis Zamenhof, kaj ĝi estas vizitebla en areo de Praga Kastelo en Palaco Lobkovický, Jirská strato n-ro 3 ĉiutage krom lundo ĝis la 1a de februaro 1998.

Jindřich Tomíšek

### Jarkunveno de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio

De la 12a ĝis la 14a de decembro okazis la jarkunveno de ĈFEA en la urbo Guangzhou, Guangdong-provinco en suda Ĉinio. Fervojistaj esperantistoj de la urboj Baotou, Huhhot, Meihekou, Tianjin kaj raportisto de Ĉina Radio Internacia ĉeestis la jarkunvenon.

La jarkunveno malfermiĝis per la himno. S-ro Xiao Ke, ĝenerala sekretario de ĈFEA prezidis la kunvenon. S-ro Han Zuwu, vicprezidanto de ĈFEA raportis pri la konciza situacio de ĈFEA kaj pri la renkontiĝo inter la estraro de ĈFEA kaj la estraranoj de IFEF ges-roj Erna kaj Henning Hauge la 24an de novembro en Beijing kaj la 50a IFEF-kongreso en Aalborg, Danio. S-ro Li Sen, prezidanto de ĈFEA faris paroladon pri laborresumo kaj venontjara laborplano kaj pri nova konstruo de ĉinaj fervojoj. Poste diverslokaj delegitoj raportis pri aktivadoj en diversaj regionoj. En la kunveno oni disdonis la librojn "Kolektaĵo de Artikoloj Aperintaj



en Internacia Fervojo kaj Fervojista Esperantisto de ĈFEA", eldonitajn de ĈFEA por la Jarkunveno. La libro enhavas 70 artikolojn pri aktivadoj de ĉinaj fervojistoj kaj konstruado, novaj scienco-teknikoj de ĉinaj fervojoj. Ankaŭ aliaj materialoj estis disdonitaj. ĈFEA sendos delegiton al la 50a IFK kaj pli multe kunlaboros kun IFEF. Ni bonvenigas fervojistojn de diversaj landoj viziti Ĉinion kaj vidi veturantajn lokomotivojn per siaj okuloj.

Han Zuwu, vicprezidanto de ĈFEA

**Danio**
La ĝenerala kunveno de DEFA okazos sabate la 28an de februaro 1998 je horo 13.30 en la stacidomo de Fredericia.

**Svisio**
La ĝenerala kunveno de SAEF okazos sabate la 21an de marto 1998 je horo 9.30 en la kunvenejo de la evangalia/metodista eklezio, Riehenring 129, en Bazelo.

# Inundo kaj la fervojo

Komence de julio 1997 trafis mezan Eŭropon, precipe orientan parton de Ĉeĥa Respubliko, eksterordinare intensa pluvado, sekvata de neatendite ruiniga inundo, kiu per sia dimensio egalis al katastrofo, kiun oni dum 150 lastpasintaj jaroj ne notis.

La inundo, kiu komenciĝis en Moravio, poste trafis ankaŭ ĉirkaŭajn landojn, senhejmigis dekmilojn da homoj detruinte iliajn domojn, ruinigis pontojn, interrompis trafikvojojn; estis eĉ homaj viktimoj. La katastrofo ankaŭ ne evitis la fervojon, superakviginte multajn staciojn kaj liniojn, detruante fervojajn pontojn, kulvertojn kaj aliajn partojn de ĝia relvoja surkonstruaĵo kaj multloke ruinigis aŭ grave difektis sekurecinstalaĵojn kaj telefonkunligojn. Sekve de tio la fervoja trafiko estis multloke totale ĉesigita, la ekspluat-apertigo de linioj kaj aliaj partoj post la inundo okazis iom post iom ofte dank' al nemezureble sinoferema laboro de fervojistoj kaj diversaj helpentreprenoj.

Postsekvoj de la inundo influos la fervojan trafikon en inunditaj regionoj monatojn eĉ jarojn, dum oni iom post iom forgesos ĝiajn katastrofajn dimensiojn.

Ni rememorigu la inundojn kaj ĝian detruan efikon per kelkaj bildoj:



Tiel aspektis parto de la fervoja stacio Přerov marde la 8an de julio antaŭtagmeze



Tute ruinigitaj fervoja linio kaj ponto antaŭ fervoja stacio Branná en norda Moravio



Kvazaŭ flanken renversita aspektas tiu ĉi parto de la linio al Kouty nad Desnou en stacio Loučka nad Desnou, kie la trafiko eble neniam estos renovigita

Jindřich Tomíšek

## Nova veturilo ĈD el Studénka

En la tagoj 22.-27.09.1997 okazis en Brno, Ĉeĥio, la 39a Internacia Maŝinfabrika Foiro, la tria plej elstara prezento de maŝineja tekniko en Eŭropo. Sur areo 80.000 m$^2$ prezentis sin 2900 ekspoziciantoj el 35 landoj. Al elstaraj ekspoziciaĵoj apartenis nova duetaĝa elektromotora trajnunuo por aglomerzona trafiko kaj kurtdistanca trafiko de grandurboj de tipo 471, fabrikita en Moravosilezia Vagonfabriko, akcia kompanio en Studénka, Ĉeĥa Respubliko. La nova fabrikaĵo estis envicigita en konkurson por ora medalo, kie ĝi okupis la duan postenon post la triartika basplanka tramveturilo ASTRA, fabrikaĵo de Škoda Plzeň. Moravosilezia Vagonejo Studénka, kie antaŭ emeritiĝo laboris kiel energetikisto nia membro inĝ. Antonín Kladoruba, ekspoziciis ankaŭ aliajn fabrikaĵojn, inter ili kvarradaksan rakpalisan platvagonon de tipo Rbns 641 fabrikata en kunlaboro kun germana firmao Adtranz (ABB Daimler-Benz Transportation GmbH, Siegen). Germanaj firmaoj mendis jam 150 varvagonojn de tiu ĉi tipo. Oni krome subskribis kontrakton por fabriki 400 varvagonojn de la simila tipo Rns-Z 643. La ekspozicion vizitis krom aliaj ankaŭ ĉeĥa ministro de trafiko kaj transportinterligoj Martin Říman, kiu alte taksis la nivelon de la konstrua plenumo de la supre menciataj fabrikaĵoj.

Dank' al inĝ. Kladoruba ĉijare komencis kunlaboro pri reciproka informado inter FS ĈEA-estraro kaj la entrepreno Moravosilezia Vagonejo Studénka. De tiu ĉi kunlaboro valoras mencion interesa artikolo 'Mezinárodní reklama esperantem' (Internacia reklamo per Esperanto), aperinta en numero 12/1997 de la entreprena gazeto VAGONÁŘ, kiu tre pozitive informas pri IFEF kaj Esperanto ĝenerale kaj pri eblecoj de praktika uzado de nia lingvo.

Jindřich Tomíšek

# Nekrologoj

Post longa kaj per granda pacienco tolerita malsano la svisa IFEF-membro **Hans Bipp** mortis la 4an de novembro 1997 en la aĝo de 85 jaroj.

Dum sia fervoja deĵoro li laboris en diversaj stacidomoj en Svisio. Lia profesia kariero kulminis per la funkcio kiel administra oficisto ĉe la Ĝenerala Direkcio de SFF en Berno.

Hans Bipp lernis Esperanton en 1929 kaj baldaŭ li iĝis unu el la plej signifaj aktivuloj precipe en SAEF.

Klopodante post la dua mondmilito por la restarigo de SAEF, li kreis kun Emil Keiser provizoran estraron kaj transformis la tiaman SAEF-'amikaron' al organizita societo. 1945-1972 li response laboris por SAEF: kiel kasisto (1950-52), prezidanto (1952-56), vicprezidanto (1956-58), asesoro (1958-69) kaj komisiito (1969-72). Dum la 1950aj jaroj Bipp gvidis ankaŭ E-kursojn en Zuriko. Krom la aktivecoj en SAEF li ĉefe kunlaboris dum jaroj en la Terminara Komisiono de IFEF. Krom la unua IFEF-kongreso en Århus en 1949 li partoprenis plurajn IFEF-kongresojn kaj en 1955 li estis LKK-prezidanto de la 7a en Zuriko.

Li ripozu en paco.

SAEF kaj IFEF

La 7an de novembro agema membro de Franca Fervojista Esperanto-Asocio (FFEA) forlasis nin. Ĉiuj, kiuj konis **Roger Motto**, ĉagrenos je tiu ekscio.

Ne estas facile resumi per kelkaj linioj la agadon de Roger. La ĉeestantoj de la IFEF-kongreso en Avignon en 1969, ne forgesis la bonegan disvolviĝon de tiu semajno, kie Roger Motto – prezidanto de LKK – estis la ĉefa organizanto.

Mi persone dum jaroj kunlaboris kun Roger, kaj mi alte taksas lian valoran helpon. Li afable kaj kompetente plenumis ĉiujn siajn taskojn: komitatano de FFEA ĉe nia federacio IFEF, redaktoro de nia revuo "Esperanto Fervojisto", kursgvidanto ktp. Ĉiam Roger Motto jese respondis al iu ajn alvoko, kaj sindoneme agadis por la kreskado de nia asocio, kaj por la disvastiĝo de Esperanto. Kun lia edzino Simone li partoprenis multajn kongresojn.

Nome de FFEA mi sincere kondolencas al lia edzino Simone kaj al liaj filinoj Simone kaj Eliane.

Pace ripozu kara Roger, viaj FFEA-amikoj ne forgesos vin.

Pierre Robiolle
Honora prezidanto de FFEA

# Nova aerodromo – novaj norvegaj eksprestrajnoj

Ĉar pro la kreskanta trafiko la aerodromo proksime al Oslo ne sufiĉas, oni norde de Oslo konstruas novan pli grandan aerodromon, kiu estos preta en oktobro 1998.

Ĉi tio kaŭzos grandan trafikon en dense loĝataj regionoj, kaj oni konstruas novan 48 km longan fervojon, kompreneble ankaŭ por pli rapide veni al kaj de la aerodromo. La loko, kie oni konstruas ĝin, nomiĝas Gardermoen kaj la fervojo do Gardermobanen (Gardermofervojo). Oni konstruas 16 trajnojn, norveglingve "Fly-tog" (Flugtrajnojn).

La plej granda rapido de ĉi tiuj arĝentgrizaj fluliniformaj trajnoj estas 210 km/h, kaj la averaĝa rapido estas 150 km/h. La vojaĝdaŭro inter Oslo kaj la aerodromo estos 19 minutoj.

Detaloj pri la trajnoj:
Nombro de sidlokoj: 170, longeco 82,1 m, larĝeco 3,048 m, alteco 3,7 m.



Por ŝpari areon oni konstruas 14 km longan tunelon.

Plejparte el la faka ĵurnalo de Norvega Ŝtata Fervojo *Vingehjulet* (La flugila rado).

Odd Kolbrek

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**1998.1**
**50a eldonjaro**

**Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.**

**Redakcio:**
Erna Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel +45 98 80 15 99.
Fakso +45 98 80 25 99

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel +45 98 80 15 99.
Fakso +45 98 80 25 99.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos fine de februaro: 10.02.1998.**

Presejo:
Gefion Tryk Næstved A/S
ISSN 1397-4270

## Esperanto-anonco en germana "Via horaro"

**Jung. Aktiv. International.**



*Land und Leute erleben. Weltweit ohne Sprachbarrieren. Der erste Schritt ...*

**Esperanto**
**die internationale Sprache**

*Wenn Sie mehr darüber wissen wollen, rufen Sie einfach an, z.B.:*

*Freiburg 0 761 - 28 92 99*
*Heidelberg 0 62 21 - 80 41 39*
*Bonn 0 228 - 23 58 98*
*Köln 0 221 - 5 90 63 77*
*Duisburg 0 203 - 72 40 95*
*Dresden 0 177 - 2 23 68 76*

*oder direkt:*
*Geschäftsstelle des*
*Deutschen Esperanto-Bundes e.V.*
*Immentaustr. 3*
*79104 Freiburg*
*0761 - 289 299*

La germana fervojo jam de jaroj eldonas faldfoliojn, kiuj estas je dispono al pasaĝeroj en la IC- kaj ICE-trajnoj. Antaŭe tiaj nomiĝis "Ihr Zugbegleiter" (via trajnakompananto), nun "Ihr Fahrplan" (via horaro). Ili amplekse raportas pri horaro kaj koneksaj eblecoj de la koncerna trajno.

Reklamojn ili enhavas, kaj en du la germanaj esperantistoj reklamis jene (en la germana lingvo, kompreneble): Juna. Aktiva. Internacia – kaj foto de kvar gejunuloj + Esperanto, la internacia lingvo.

Temas pri du trajnoj (ĉar tia reklamo estas ege multekosta): IC 604 Heinrich der Löwe Basel-Köln-Dresden kaj IC 524 Hanseat München-Kiel.

Ni ne konas la rezulton, sed estas ja bona iniciato, kaj sendube multaj homoj vidas la anoncon.

(el Dana Fervojisto n-ro 12)

**Nova telefaksa numero**

La IFEF-kasisto kaj -redaktoro havas novan faksnumeron: +45 98 80 25 99.

**La redakcio deziras al siaj legantoj bonan novan jaron**